# Granda bibliografio de Ido

de Claude Gacond

*Bibliografio di Ido*
**Tazio Carlevaro kun R. Haupenthal, T. Madonna kaj G. Neves**
**3a plibonigita eldono**
**Hans Dubois, Belinzono, julio 2020**

**Enkondukaj klarigoj**

La 317-paĝa verko *Bibliografio di Ido,* aperinta en 2020, estas tutcerte gravega interlingvistika monumento, kiu detale raportas pri la disvolviĝo de la planlingvo Ido. Interesatoj sciu, ke tiu verko konsulteblas en la Biblioteko de urbo La Chaux-de-Fonds kadre de ĝia Centro de Dokumentado kaj Esploro pri la Lingvo Internacia (CDELI), sub la signaturo Li TC 171.

Antaŭ ol prezenti tiun verkon, ni rememorigu, ke la planlingvo Ido rezultis el la laboro de la franca filozofo kaj matematikisto Louis Couturat (1868-1914), kiu en 1903 famiĝis per grava verko *Histoire de la Langue Universelle.* Sekve al tiu publikigo Louis Couturat mem kunvokis en Parizo en 1907 *delegacion por adopto de internacia lingvo,* kiu fakte naskis la lingvon Ido, kiu grandparte konsistas el reformo de esperanto.

Fakte tiu *Bibliografio di Ido* de julio 2020 estas la tria plibonigo de verko unue kunverkita de Tazio Carlevaro kaj Reinhard Haupenthal, kiun Haupenthal mem publikigis en 1999 per sia eldonejo Iltis en Saarbrucken (Germanio). Tiu verko konsulteblas en CDELI sub la signaturo Li TC 171.

En 2001 Tazio Carlevaro mem republikigis tiun broŝuron, kun kelkaj plibonigoj, ĉe sia eldonejo Hans Dubois en Bellinzona. Fakte, ambaŭ eldonoj de 1999 kaj 2001 estas konsiderataj kiel la unua eldono de la *Bibliografio di Ido.*

Poste aperis en 2015 dua eldono, kun korektoj kaj registro de novaj verkoj, kiun grandparte redaktis Reinhard Haupenthal.

Sekve, danke al la plua nelacigebla esplora kaj redakta laboro de Tazio Carlevaro, en kunlaboro ne nur kun Reinhard Haupenthal, sed ankaŭ kun la italo Tiberio Madonna kaj la portugalo Gonçalo Neves, pretiĝis la nuna tria eldono de tiu *Bibliografio di Ido,* kompletigita ĝis julio 2020. Reinhard Haupenthal, kiu mortis pro kancero la 29an de septembro 2016, bedaŭrinde ne vidis la frukton de sia helpado.

Tiu *Bibliografio di Ido* konsistas el 317-paĝa dokumento je formato A4 sub ISBN-registro 978-88-87282-41-2, kiu senpage kapteblas el la retejo www.taziocarlevaro.ch. Ĝi konsulteblas en CDELI sub la signaturo Li TC 171. Temas do pri verko ne aĉetebla, kiun interesatoj devas mem konsulti aŭ kapti el la retejo de Tazio Carlevaro.

**Poliglota enkonduko internaciigas ĉi tiun verkon**

La enkonduka teksto al tiu tria versio de la *Bibliografio di Ido* aperas ripete en ses lingvaj variantoj: ida, angla, esperanta, franca, germana kaj itala. Tiu plurlingveco vere internaciigas ĝian konsultadon. Tiel ĝi fariĝas komprenebla eĉ al publiko verŝajne ĝis nun ne reale informita pri la planlingva ideo mem. Se tiu publiko eble konas la ekziston de esperanto, ĝi tutcerte kaj verŝajne nenion scias pri la disvolviĝo de la lingvo ido, kiel ĝenerale estas por la esperantistoj mem. Jen tiu enkonduka teksto:

*Ido estas planlingva projekto, kiu longtempe konkuris kun Esperanto. Ĝin grandparte ellaboris Louis Couturat (1868-1914), brila franca filozofo kun granda intereso por matematika logiko. La celo de Couturat estis konstrui lingvon sur la bazo de Esperanto, kiu faciligu la laboron de la intelekto: do li celis lingvon precizan, kun granda semantika analizpovo. Li opiniis, ke tia lingvo devas esti daŭre perfektigebla, laŭ la evoluo de la sciencaj konoj.*

*En 1901, okaze de la Universala Ekspozicio en Parizo, Couturat fondis Delegacion por la Akceptigo de Internacia Lingvo. Supozeble li elpensis tiun elpaŝon surbaze de siaj spertoj dum la Unua Internacia Kongreso de Filozofio, kiu okazis samjare, ankaŭ ĝi en Parizo. Unuamomente, multaj kolegoj liaj, kaj interesataj sciencistoj esperantistaj, konsentis partopreni. La esperantistoj helpis tiun Delegacion konatiĝi kaj akiri novajn adeptojn, membrojn kaj subtenantojn.*

*La celo estis proponi al la Internacia Asocio de la Akademioj (Associaton internationale des Académies), ke ĝi decidu selekton inter la ĝis tiam prezentitaj planlingvoj, por ke ekzistu plimalpli oficiale agnoskita internacia planlingvo. Couturat iĝis sekretario de la Delegacio.*

*La Delegacio iĝis ĉiam pli grava. Multaj personecoj el la scienco kaj el la politiko partoprenis ĝin. Kaj multaj plej malsamaj organizaĵoj aliĝis al ĝi. Sed en 1907, la kongreso de la Asocio de la Akademioj decidis rifuzi la demandon, ĉar ĝi konsideris sin nekompetenta.*

*Tiam la delegacia komitato decidis, ke ĝi mem elektos rekomendotan planlingvon. Ĉiuj opiniis, ke temos pri Esperanto, ne nur pro la fakta superrego de la esperanto-parolantoj inter la membroj kaj la subtenantoj de la Delegacio, sed ankaŭ kaj ĉefe pro tio ke inter 1900 kaj 1907 la Esperantomovado ege disvastiĝis, precipe en Francio.*

*Fine de 1907 la Komitato kunvenis en Parizo. Ĝi decidis adopti principe Esperanton, sub la kondiĉo, ke oni enkonduku en ĝin la reformojn prezentitajn fare de iu mistera "Ido", en broŝureto speciale presita por la okazo, kaj kiun neniu pli frue iam vidis. Sed Couturat ne kapablis akiri la konsenton de la esperantistoj al sia projekto.*

*Ĉirkaŭ Ido naskiĝis movadeto, kiu rapide grandiĝis. La lingvon flegis la Ido-Akade-*

*mio, kiu ĝin reformis kaj plibonigis ĝis 1913, kiam ĝi decidis starigi "periodon de stabileco". Fakte la ĉiama reformado grave malhelpis la firmigon de la Ido-movado. Kaj ĝi estis ekonomie malavantaĝa, ĉar la lernolibroj kaj vortaroj tro rapide malnoviĝis, eĉ antaŭ ol ili estis plene forvenditaj.*

*La kresko de la Ido-movado haltis unuamomente en 1914 pro la militeksplodo, kaj pro la subita morto de Couturat sekve al aŭtomobila akcidento. Post la unua mondmilito la renaskiĝo de Ido estis rapida kaj intensa. Sed la diversaj faŝismoj, la dua mondmilito, internaj lingvaj konfliktoj, la naskiĝo de novaj planlingvoj, malhelpis pluan kreskon de Ido, kiu male ekde la tridekaj jaroj reduktiĝis. Nun restas movadeto, kiu plu eldonas sian revuon "Progreso".*

*Nia katalogo celas konservi detalan bibliografian scion pri la lingva kreitaĵo nomata "Ido", kiu estas la sola projekto (krom Esperanto kaj Volapük) en kiu aperis multaj revuoj kaj libroj, en kiu ekzistas ne nur propagandistoj, sed ankaŭ geedzoj kaj familioj mikslingvaj, en kiu kreiĝis interesa originala literaturo, nepre leginda. Ni komencis tiun ĉi laboron en 1975, kun la espero atingi finon en 1978, okaze de la 70jara datreveno de la naskiĝo de Ido. Fakte, ĝi aperas nur nun, okaze de la 90a datreveno. Ni estas homoj laboremaj, sed la taskoj, kiuj absorbis nin dum tiu 20jara "malfruo", estis ja multaj. Kaj certe Ido-bibliografio ne apartenas al la grupo de niaj plej urĝaj taskoj.*



***Louis Couturat***

**Prezento de la bibliografio**

Sekve al tiuj enkondukaj vortoj, Tazio Carlevaro prezentas la Bibliografion de Ido per ĉi tiuj vortoj: *La verko prezentas unue Liston de la libroj laŭ la aperjaro. Sekvas la Listo de la libroj laŭ la nomo de la aŭtoroj (aŭ laŭ la titolo). Tria parto koncernas la librokolektojn, kaj fine lasta parto koncernas la periodaĵojn en Ido.*

*Kompreneble, nia laboro ne estas perfekta, ĉar ni povis nur parte enketi por havi en la manoj vere ĉiujn ekzemplerojn de la menciitaj libroj kaj revuoj. Iuj verkoj menciiĝis nur tra recenzo aŭ per artikolo aperinta en periodaĵo. Tion ni tamen specife indikis. La redakton gvidis Tazio Carlevaro, dum Reinhard Haupenthal akurate kaj*

*skrupule reviziis la tuton. Li kontribuis per la titoloj, kiujn li mem posedas, aŭ kiujn li propraokule vidis. Sed ni utiligis ankaŭ tre gravajn bibliografiajn verkojn al ĉiuj konatajn.*

Konklude al sia enkonduko Tazio Carlevaro esprimas dankemon al ĉiuj kunlaborintoj kaj ankaŭ al la indikontoj de eventualaj eraroj. La utiligo de la redakta sistemo, kiun li elektis, facile ebligos korekton kaj reprodukton.

Antaŭ ol raporti pri la certe granda valoro de tiu bibliografia verko, mi, Claude Gacond, unue mencios, kiel mi konatiĝis kun Tazio Carlevaro kaj kiel baldaŭ disvolviĝis nia kunlaboro.

Komence de mia instruista kariero en la vilaĝo La Sagne ekde 1954, mi tuj provis havi kontaktojn kun la esperantistoj de la Neŭŝatela Montaro. Tiam pli malpli ankoraŭ funkcietis la ĉaŭdefona esperanto-grupo, kiu monate kunsidis en la domo de la iamaj geedzoj Jules kaj Mathilde Wolf. Post la morto de Jules (1887-1944), lia vidvino Mathilde (1879-1970) heroe plue kunsidigis en sia hejmo la fantomiĝantan esperanto-grupon. Mi tuj konsentis alporti mian helpon al ĝia revivigo kaj instigis la tiamajn grupanojn kaj ĉefe la gejunulojn, kiujn mi varbis, ekkonsulti la librojn de la grupa biblioteko kaj siavice raporti pri sia legaĵo.

Sed montriĝis, ke la grupa biblioteko estis kaŝita en ŝranko malfacile atingebla. Fakte ni malkovris ĝin kaŝita malantaŭ amaso da kestoj kaj malnovaj mebloj funde de la Wolfa dom-subtegmentejo! Kiam ni grupe vizitis tiun lokon, mi ricevis kvazaŭ donace tiun retrovitan libraron, kun la tasko refunkciigi la grupan bibliotekon. Baldaŭ saloneto supre de la popoldoma turo estis al ni afable disponigita por refunkciigi tiun bibliotekon, kiun ĉefe frekventis gejunuloj. Sed bedaŭrinde somere tiu legejo ege varmegis kaj vintre ne estis hejtebla. Pli konvenan lokon ni serĉis. Tiam Fernand Donzé, kun kiu mi studis etnografion en la Neŭŝatela Universitato, fariĝis nova direktoro de la urba biblioteko. Kiam mi raportis al li pri nia problemo, li tuj proponis konvenan bretaron por la instalado de nia esperanto-biblioteko, tio je preciza kondiĉo: *Ke ni pretu helpi la bibliotekiston, kiam alvenos la momento katalogi tiun libraron.* Fakte baldaŭ kreskadis tiu libraro, ĉar rapide diskoniĝis tiu saveblo por libraroj en pereo. Ne nur libraroj esperantistaj estis al ni proponitaj, sed ankaŭ verkoj kaj periodaĵoj en aliaj planlingvoj: ĉefe volapük, ido, occidental. Tiel la biblioteko de urbo La Chaux-de-Fonds, tra mia kanalo, baldaŭ fariĝis savejo de dokumentaroj el plej diversaj planlingvoj, kio tuj venigis la helpan kunlaboron de Reinhard kaj Irmi Haupenthal.

Tial, kiam Tazio Carlevaro, ĵus lerninta idon en la sesdekaj jaroj de la pasinta jarcento, venis min renkonti en La Sagne, por informiĝi, ĉu mi konas junajn idistojn, mi povis montri al li multajn librojn en ido en la ĉaŭdefona biblioteko, kie



*D-ro Carlevaro gvidante kurson en Kultura Centro Esperantista (KCE), 1974.*

CDELI estis en kreado. Bedaŭrinde mi konis nur maljunajn idistojn, tiam mi instigis lin al partopreno kun subvencio en la novjara junulara esperanto-renkonto okazonta en Germanio. Ĝin li efektive vizitis, aldonante tiel al sia praktiko de ido tiun de esperanto.

Malkovrinte ne nur la idaĵojn, sed ankaŭ la alilingvajn riĉaĵojn amasiĝintajn en la ĉaŭdefona biblioteko, Tazio Carlevaro fariĝis pli kaj pli regula vizitanto kaj baldaŭ aktiva kunlaboranto de la stariĝanta CDELI. Post sia edziĝo, komence de sia kuracista profesio disvolviĝanta en neŭŝatela hospitalo, li eĉ instaliĝis familie en Les-Hauts-Geneveys, vilaĝo situanta inter Ĉaŭdefono kaj Neŭŝatelo. Ekde tiam komenciĝis lia aktiva kunlaboro kadre de CDELI mem kaj ankaŭ de Kultura Centro Esperantista.

Post tiuj historiaj rememorigoj pri niaj reciprokaj kontaktoj, mi nun raportu pri la libro *Bibliografio di Ido.* Tiurilate gravas tuj mencii, ke ĝi konsistas el du partoj. La unua listigis la librojn laŭ ties aperjaro ekde 1900 ĝis 2020 sekve al enkonduka listigo de la nedatitaj verkoj. Kaj la dua parto alfabete relistigas ĉiujn librojn laŭ ties aŭtoroj kaj tradukistoj, post enkonduka listo de la anonimaj verkoj.

Tiu duobla aŭ eĉ plurobla registro de la publikaĵoj, kiam ekzistas pluraj aŭtoroj, faciligas ties trovon. Kaj tre precizaj mallongigoj aldonas ĉiam necesajn

precizigojn pri aŭtoroj, bibliotekoj, eldonejoj, lingvoj, lokoj, pseŭdonomoj, redaktejoj, ktp.

Registrado de verko se eble indikas sub kiu signaturo ĝi estis registrita ĉe CDELI kaj ĉe la Esperanto-Muzeo en Vieno kaj se eble ankaŭ ĉe la kolekto de Reinhard Haupenthal. Jen hazarde tri ekzemploj el la jaro 1926: [1]

La unua ekzemplo indikas, ke la koncerna verko 246-paĝa konsulteblas nur ĉe CDELI. Kaj la signaturo eĉ alportas la informon, ke la libron CDELI heredis de Henri Meyer el Elzette en Luksemburgio.

La dua ekzemplo, ankaŭ ĝi verko de E. Bogard, 24-paĝa, konsistas fakte el la dua numero de la kolekto Biblioteko Sacerdotala. Ĝi konsulteblas ĉe la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, en CDELI kaj en la kolekto de Reinhard Haupenthal. La signaturo de CDELI aldone indikas, ke ĝi estas heredita de Edouard Waterkotte el la urbo Colmar en Francio.

La tria ekzemplo indikas, ke la koncerna 147-paĝa libro, heredita de E. Waterkotte, konsulteblas en CDELI kaj ankaŭ en la kolekto de R. Haupenthal. Tiuj tri ekzemploj montras, ke la kolekto-signaturo de ĉiu libro alportas tre precizajn indikojn. Koncerne al CDELI, ne simple pri situo mem de la libro en la ĝenerala librokolekto, kio faciligas ĝian trovon, sed ankaŭ la mencion de la donacinto.

La *Bibliografio di Ido* kelkfoje alportas korektigajn indikojn. Ekzemple ĵus antaŭ la tri menciitaj verkoj, legiĝas tiu ĉi registraĵo:

Beaufront, L. de: Compedio de gramatica del lenguaje internacional Ido. San Jose (Costa Rica)/1926/: Trejos Hermanos. 76p. RH: 398/72.

Tiu registraĵo, kiel indikas ties signaturo, troviĝas en la kolekto de Reinhard Haupenthal. Ĝi fakte mencias Louis de Beaufront kiel aŭtoron de la listigita verko. Sed aldonita noto de Gonçalo Neves atentigas, ke fakte de Beaufront ne estas la aŭtoro mem de la koncerna verko. Ni citu en ido la koncernan noton de Neves:

L. de Beaufront ne esas l'autoro di ca verko. En BFL, 1927/102-103, p.308. L. de B. ya naracas ke il "tre forte surprizesis" *(Je fus très fortement surpris)* kande il recevis la verko de Kostaika, somere di 1926. En letro quan L. de B. parcitas en la mencionita revuo, la editoro Trejos Hermanos informas ke la verkon kompozis la jeranto Juan Trejos surbaze di verki da L. de Beaufront. Hike. [2]

Dum en unua parto de la *Bibliografio di Ido* la verkoj estas kronologie registritaj, en la dua parto ĉiuj reaperas listigitaj laŭ ties aŭtoro aŭ tradukisto. Tiel oni ricevas plenan liston de la verkaro de ĉiu verkisto kaj de ĉiu tradukisto, kio ege utilas. Fakte tiu dua parto de la *Bibliografio di Ido* titolita *Listo dil libri segun l'autoro e la tradukero* plej gravas por la konsulto. Ĝi alportas al la konsultantoj de la *Bibliografio di Ido* kiel eble plej kompletan liston de la verkoj de ĉiu idoverkisto, pri Tazio Carlevaro dek sep priskribojn kaj pri Gonçalo Neves dudek ses, inter kiuj la plimulto ne ekzistas papere, ĉar fakte ili estas retprodukto aŭ, kiel indikite, *pdf-*

[1] 1 - Bogard, E.: Pierrot, E.: Idaji./recueil de textes divers/. Thaon-les-Vosges 1926: Ido-kontoro. /246/p. CDELI: Li HM148
2 - Bogard, E.: Pierrot E.: Mikra Petrus. Korista puero. Da E.B., E.P. Thaon-les-Vosges/ 1926/: Ido-kontoro. 24p. (Biblioteko Sacerdotala N-ro2). IEMW: 701.727-B.6: CDELI: Li EW 110: RH: 262/73
3 - Bismark, Hans: Svensk Ido-Ordbok, Hoting/1926/:Svensk Varlds-sprakstiding. 147p. CDELI: Li EW 58: RH: 79-295

[2] Esperanta traduko: *L. de Beaufront ne estas la aŭtoro de tiu ĉi verko. En BFL, 1927/ 102-103, p. 308, L. de B. ja rakontas ke li "tre forte surpriziĝis"* (Je fus très fortement surpris) *kiam li ricevis la verkon de Kostaika, somere de 1926. En letero kiun L. de B. aperigas en la menciita revuo, la eldonejo Trejos Hermanos informas ke la verkon kunmetis la direktanto Juan Trejos surbaze de la verko de L. de Beaufront. Jen.*

[3] Legu pri tio en la n-ro 1:1982 de la revuo *Planlingvistiko.*

*edituro,* kiel cetere estas la *Bibliografio di Ido* mem. Tio signifas, ke el ili ne ekzistas normala papera eldono.

Fakte la bibliotekoj katalogas nur presitajn dokumentojn, tio signifas nur paperajn dokumentojn. Se CDELI povis katalogi la verkon *Bibliografio di Ido,* tio eblis, ĉar Tazio Carlevaro havigis al ĝi paperan ekzempleron, kiun li mem produktis. Tion memorigas ambaŭ leteroj TC en la kataloga signaturo Li TC 171, la literoj TC mencias, ke la donacinto estis d-ro Tazio Carlevaro.

Fakte la plimulto de la nunaj ret-produktoj ĝenerale mankas en la bibliotekoj. Kiam aŭtoro forgesas mem havigi paperan specimenon el siaj eldonaĵoj al preciza biblioteko, tiam nenio restos el liaj produktaĵoj je la fermo de lia retejo. La ret-produktado efemeras! Anoncita retaĵo definitive perdiĝas je la fermo de la koncerna retejo. Do je la ferma momento de la retejo, persistos nur la paperaj dokumentoj, kiujn la retposedinto estis donacinta al biblioteko.

Konklude al mia prezento de la *Bibliografio di Ido,* mi ŝatas rememorigi, ke kadre de KCE estis organizita, danke al Tazio Carlevaro, kultura studsemajno por idistoj, dum kiu la ido-poeto Andreas Juste prelegadis pri sia verkaro proza kaj poezia kaj ankaŭ pri la disvolviĝo de la ido-literaturo.[3] Pro mia tiama instruista aktiveco, mi bedaŭrinde povis nur duontempe ĉeesti tiun memorindan kulturan renkonton, dum kiu Andreas Juste ne nur prezentis la propran verkaron prozan kaj poezian, sed ankaŭ raportis pri la disvolviĝo de la ido-kulturo. Kaj mi bone memoras, ke Andreas Juste konkludis tiun renkonton per anonco, ke pere de siaj prelegaj notoj kaj dokumentaro, li intencas verki historion de la ido-literaturo.

Lia morto bedaŭrinde baldaŭ neniigis la projekton. Sed kiu ekzamenas la verkon *Bibliografio di Ido,* tiu fakte povas malkovri kvardek priskribojn koncerne al Andreas Juste. Kaj pluraj el ili ĝuste raportiĝas al lia ĉaŭdefona prelega semajno, kiel indikas la sekva priskribo:

> Juste, Andreas: /Teksti del/Antologio dil Idolinguo [I-a e II-a tomo], (1973 e 1979). Texto bilingua (Ido-italiana). Trad. da Zangoni, F. En: [Kolekto 2], Padova, 2005, 93 p. (p. 10-34, 72-90). (pdf-edituro). Trovebla en: https://archive.org/details/konsili exempli rimaro antologio.

Tio estas, ke la koncerna ital-lingvano F. Zangoni alportis sian kunlaboron al la kultura projekto de Andreas Juste, kaj se lia retejo daŭre funkcias, eble la entreprenita verko estos ne nur konsultebla, sed ankaŭ eble kaptebla, publikebla kaj daŭrigebla.

Almenaŭ konsultontoj de la *Bibliografio di Ido,* konsciu, ke ĝiaj verkintoj Tazio Carlevaro, Reinhard Haupenthal, Tiberio Madonna kaj Gonçalo Neves reale liveris al ni tre gravan interlingvistikan verkon, kiu definitive malhelpos absolutan forgeson pri kultura aktiveco de la mondlingvaj pioniroj praktikintaj la planlingvon Ido. ❀